

# Boletín

*Nº 361 majo/junio 2003*




# 62a Hispana Esperanto-Kongreso

*Asociación de utilidad pública*

FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO
HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

# Boletín

BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO
Aperanta de 1949

Redaktisto: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@wanadoo.es

*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj.*

*La redaktisto rajtas libere rifuzi ne petitajn artikolojn.*

**Hispana Esperanto-Federacio**

**Rodríguez San Pedro 13, 3°, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA :**
**0182-2552-61-0204011.961**
**Admin@esperanto-es.net**
**www.esperanto-es.net**



## Enhavo



**62a Hispana Kongreso**
**15a - 20a de julio**

# HEF-retlistoj

info@esperanto-es.net

Dekomence Esperantistoj elprofitas la reton, kaj do multas retlistoj en aŭ pri Esperanto. Tamen HEF ĝis nun ne utiligis ĉi tiun rimedon. Lastatempe HEF renovigas kaj aktualigas sian retpaĝaron, kaj paralele decidis ekutiligi retlistojn.

Post esploroj inter diversaj ebloj (inter kiuj propra sistemo), nia asocio decidis utiligi la senpagajn servojn de Yahoo-grupoj por krei kvar retlistojn: hef-estraro, por faciligi la laboron de la estraro; hef-anaro, por informi la anaron kiu havas retadreson; hef-grupoj, por informi responsulojn kaj aktivulojn de la HEF-grupoj; kaj noticias-de-esperanto, por informadi interesitojn pri Esperanto kaj Esperantujo.

De decembro funkcias hef-estraro. hef-anaron kaj hef-grupojn ni ekigis fine de majo. La lasta retlisto atendas kunordigon de informaterialo regule sendota, labormetodo, kaj koncernaj responsuloj. Antaŭ la kongreso espereble ankaŭ la lasta estu regule funkciantaj.

Laŭ apuda priskribo pri retlistoj, direblas ke hef-estraro estas fermita kaj ĉiudirekta; hef-anaro kaj hef-grupoj estas fermitaj kaj unudirektaj; kaj noticias-de-esperanto estas malfermita kaj unudirekta. Kompreneble, en ĉiaj retlistoj malaniĝo estas libera kaj senpera.

La celo de la HEF-retlistoj ne estas do, ke ĉiu HEF-ano povu sendi ajnan mesaĝon al la ceteraj, sed ke HEF povu, kiam necese, kontakti aŭ informi sian anaron aŭ informpetantojn. Por aliaj celoj, kiaj debatado, interŝanĝado de informoj kaj opinioj, privataj anoncoj, praktikado de la lingvo, ktp., estas multegaj retlistoj, inter kiuj nialande veteranas kaj tre aktivas esperanto-en-hispanio, kies retpaĝejo estas:

http://es.groups.yahoo.com/group/esperanto-en-hispanio/

Se grava decido estrara; se serĉata volontulo por difinita tasko; se reaginda mismencio pri Esperanto aŭ nia asocio en ĵurnalo; se administra ĝenerala ŝanĝo; se peto; se propono. Tiakaze utilegos atingi rapide grandan parton de la HEF-anaro, la rete atingeblan. Kompreneble ĉi novaj informkanaloj ne anstataŭigos sed kromos jamajn.

Laste, peto al ĉiu HEF-ano havanta retadreson: Se vi ne ricevis mesaĝon pri via aniĝo en la retlisto hef-anaro, bv. informi nin al la retadreso info@esperanto-es.net aŭ mem aniĝu per ajna mesaĝo al la retadreso:

hef-anaro-subscribe@yahoogroups.com

Multas la HEF-retprojektoj survojaj. Ni esperas vian aktivan partoprenon kaj pluan apogon.

*Marcos Cruz*
*info@esperanto-es.net*

# Kio estas retlisto?



Retlisto (alinome retgrupo) estas rimedo kunlabori rete. La historie unua kaj ankore ĉefa utilo de retlisto estas simpla: pere de unu retadreso sendi mesaĝon al ĉiuj retlistanoj.

Nu, ja eblus havi en propra retpoŝta programo liston de amikoj kiuj interesiĝas pri muŝbredado, kaj do facile sendi niajn priajn esplorojn al ĉiuj... Sed tian liston de retadresoj devus same havi ĉe si ĉiu el la amikaro en sia propra retpoŝta programo, ja ankaŭ ili paŝetas tiufake kaj verkas siajn raportojn. Prave. Se pri muŝbredado, io tia povus sufiĉi, pro malabundo kaj rondfamilieco de priaj praktikantoj. Malgranda grupo de amikoj povas interŝanĝi sian mesaĝaron tiel. Se tamen pri pli popularaj fakoj, kaj precipe kiam la partoprenantoj ne estas konatoj — tia hejma sistemo estas neebla: retliston pri komputilprogramado, hortokulturo aŭ nifoserĉado povas partopreni miloj da homoj kiuj ne konas unu la alian; eĉ pri Esperantaĵoj.

Do retlistoj ebligas komforte interŝanĝi retmesaĝojn kun ajna grupo da homoj.

Retlistestroj povas decidi, kiu rajtas aniĝi kaj kiu rajtas sendi mesaĝojn:

Laŭ aniĝebleco, retlisto povas estis malfermita (kiu ajn rajtas aniĝi sen kontrolo) aŭ fermita (ekzemple se celanta nur anojn de certa asocio). Laŭ sendorajto, retlisto povas esti ĉiudirekta (ĉiuj retlistanoj rajtas sendi mesaĝojn al la retlisto) aŭ unudirekta (nur la retlistestro kaj elektitaj retlistanoj rajtas).

Antaŭ jaroj retlistojn kontrolis programoj kiujn oni kontaktis nur retpoŝte. Por (mal)aniĝi retliston, oni sendis retmesaĝon kun certa teksto al certa retadreso. Tiu sistemo plu validas, sed dume retlistojn pli kaj pli ofertadis retpaĝaroj, kaj per tio la sistemo plifaciliĝis kaj plipopulariĝis. Krome, retpaĝaroj ofertantaj retlistojn ofertas al la retlistanoj aron da aliaj servoj: fotalbumo, kalendaro, agendo, dosierarkivo, ktp. Iujn el tiuj servoj la retlistestro povas malfermi al ajnaj vizitantoj, aŭ rezervi nur por la retlistanoj.

Certaj tiaj sistemoj estas pagendaj. Aliaj, senpagaj, metas iom da reklamaĵo en la senditajn mesaĝojn. Se ne la plej bona, unu el la plej popularaj retlistejoj estas "Yahoo-grupoj", kies hispanlingva versio viziteblas je la retpaĝa adreso http://es.groups.yahoo.com

# Jarraporto pri Aktivaĵoj 2002

## Resumo

### Aktivaĵoj

### ĉefe en rilato al la membroj

1. Oficejo

1.1. Administrado de kotizoj kaj servoj. Perado de kotizoj por UEA.

2. Eldonaĵoj

2.1. Boletín

3. Kongresoj

3.1. Hispana Esperanto-Kongreso. Alicante, de la 1a ĝis la 4a de aŭgusto.

### Aktivaĵoj

### por la publiko ĝenerale

1. Kursoj

1.1. Perkoresponda kurso (dekses novaj kursanoj en 2002).

2. Kunlaboro kun oficialaj instancoj kaj privatuloj

2.1. Hispana Komitato por kunlaboro kun UNESKO. Regula sendado de nia jarraporto pri aktivaĵoj.

2.2. Mailxmail. Laŭ illia mendo, HEF provizis bazan retkurson de esperanto por iliaj paĝoj.

2.3. Konsilio pri Edukado de la madrida registaro. Petis la tradukon en esperanton de poemo, originale en la sefarda, de Clarisse Nicoidsky. La traduko eniris antologion eldonitan kadre de la projekto "Madrido: vojkruciĝo de kulturoj".

2.4. TV3. Petas tradukon en E-on de kelkaj frazoj aperontaj en la televid-serio "El cor de la ciutat".

2.5. Studentoj. HEF kunlaboras regule kun studentoj kiuj bezonas informon pri la lingvo aŭ la esperanta movado por plenumi siajn akademiajn taskojn.

3. Disvastigo

3.1. Expolingua. De la 11a ĝis la 14a de aprilo. Kvara partopreno de HEF en ĉi-tiu foiro. Cele al diskonigo de la lingvo, oni realigis jenajn aktivaĵojn: distribuado de la imform-triptiko "Esperanto, una cultura viva", ekspoziciado de libroj, revuoj, diskoj, ktp., spektigo de la video-kurso "Mazi en Gondolando", inform-distribuado pri esperanto kaj HEF (cirkaŭ 3000 diversaj ekzempleroj).

3.2. HEF sisteme distribuas la Manifeston de Prago.

3.3. Daŭra distribuado de la broŝuro Pro-Esperanto inter amasmedioj kaj interesiĝantoj.

4. Donacoj

4.1. Biblioteko "Vapor Vell" de Barcelona. Okaze de ĝia inaŭguro, HEF donacis manplenon da E-libroj por ties fako dediĉita al la internacia lingvo.

5. Amasmedioj

5.1. Intervjuoj al pluraj membroj de HEF en amaskomunikiloj.

6. Internet

6.1. HEF disponas informpaĝojn en interreto pri esperanto, la Federacio, kaj ties aktivaĵoj.

7. Perado de revuoj

7.1. HEF peris la revuojn Eventoj, Kontakto kaj Esperanto. (De post fino de 2002, pri tio okupiĝas s-ano Garrote).

8. Biblioteko

Ĝi estas libere alirebla de ĉiuj, sed hef-anoj havas prunt-rajton. Ĉi jare alvenis 580 novaj specimenoj, plej parte el illi donacitaj de J. Camacho.

9. Aliaj aktivaĵoj

9.1. Akademio de Esperanto. Miguel Gutiérrez, membro kaj estrarano de HEF, estas akademiano.

9.2. Sendo de publika komuniko al pluraj ĵurnaloj per kiu HEF apogas la omaĝon al la iama urbestro de Madrido Cayetano Redondo kaj proponas omaĝi ankaŭ aliajn elstarajn esperantistojn kiel Julio Mangada kaj Emilio Herrera.

9.3. Sendo de tri leteroj respektive al Fernando Martínez, skabeno pri kulturo de la madrida registaro; Mercedes de la Merced, "1ª teniente de alcalde" de la madrida registaro; kaj Rafael Merino, responsulo pri kulturo de la municipa socialista grupo de la madrida registaro, per kiu HEF apogas la omaĝon al la iama urbestro de Madrido Cayetano Redondo kaj proponas omaĝi ankaŭ aliajn elstarajn esperantistojn kiel Julio Mangada kaj Emilio Herrera.

*La sekretario: Manolo Parra*

---

# Reklamo

Antaŭ pluraj monatoj venis al HEF el la Brusela Komunikadcentro propono de iu anonima mecenato el Japanio, dediĉi la sumon de mil eŭrojn por propagandi E-on en Hispanio.

Rezulte de tiu malavara propono, mi aperigis reklamaĵon sur la dorskovrilo de la ĵurnalo El Mundo dimanĉe la 13an de aprilo. Ĝi situis centre malsupre, kaj ĝia grando estis 52 mm x 77 mm. Ĝi tekstis:

POR FIN PONEN
EL ESPERANTO.
www.esperanto.net

La kosto estis 1160 EUR, el kiu 160 EUR pagis mem HEF.

Kaj la tekston kaj la ĵurnalon elektis mi mem, konsultinte kelkajn estraranojn. Tiu paĝaro ne estas tiu de HEF, sed kondukas al ĝi inter multajn aliajn.

*Manolo Parra*

## Balance de Situación

## Federacion Española de Esperanto

| ACTIVO | EJERCICIO 02 | EJERCICIO 01 |
|---|---|---|
| B) INMOVILIZADO | 62.312,84 | 62.699,80 |
| II. Inmovilizaciones inmateriales | 768,60 | 768,60 |
| 5. Aplicaciones informáticas | 768,60 | 768,60 |
| 215. APLICACIONES INFORMATICAS | 768,60 | 768,60 |
| III. Inmovilizaciones materiales | 61.544,24 | 61.931,20 |
| 1. Terrenos y construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 221. CONSTRUCCIONES (OFICINA CEN.) | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 3. Otras instalaciones, utillaje y mobiliario | 6.336,25 | 6.336,25 |
| 225. MOBILIARIO | 2.176,44 | 2.176,44 |
| 226. EQUIPOS PROCESOS DE INFORMACIÓN | 4.159,81 | 4.159,81 |
| 4. Anticipos e inmovilizaciones materiales en curso | 2.211,63 | 2.211,63 |
| 232. BIBLIOTECA | 2.211,63 | 2.211,63 |
| 7. Amortizaciones | -7.104,85 | -6.717,89 |
| 282. AMORT. ACUM. INMO. MATERIAL | -7.104,85 | -6.717,89 |
| D) ACTIVO CIRCULANTE | 13.859,78 | 10.663,01 |
| II. Existencias | 2.525,15 | 1.780,15 |
| 1. Comerciales | 2.525,15 | 1.780,15 |
| 300. MERCADERÍAS (libros para vender) | 2.525,15 | 1.780,15 |
| III. Deudores | 1.653,65 | 3.724,03 |
| 4. Deudores varios | 1.653,65 | 3.724,03 |
| 440. DEUDORES | 60,10 | 260,10 |
| 447. PATROCINAD. AFILIADOS Y OTROS | 0,00 | -30,26 |
| 553. C.C. CON SOCIOS Y ADMINISTRADORES | 1.593,55 | 3.494,19 |
| VI. Tesoreria | 8.885,25 | 5.158,83 |
| 570. CAJA (euros) | 410,56 | 335,97 |
| 572. BANCOS E INST. DE CREDIT., C.C. VISTA | 8.474,69 | 8.474,69 |
| VII. Ajustes por periodificación | 795,73 | 0.00 |
| 480. GASTOS ANTICIPADOS | 795,73 | 0,00 |
| TOTAL ACTIVO | 76.172,62 | 73.362,81 |

| PASIVO | EJERCICIO 02 | EJERCICIO 01 |
|---|---|---|
| A) FONDOS PROPIOS | 75.679,21 | 71.398,46 |
| I. Capital suscrito | 71.398,33 | 73.920,58 |
| 101. FONDO SOCIAL | 71.398,33 | 73.920,58 |
| VI. Pérdidas y ganancias (Beneficio o Pérdida) | 4.280,88 | -2.522,12 |
| 129. PERDIDAS Y GANANCIAS | 4.280,88 | -2.522,12 |
| E) ACREEDORES A CORTO PLAZO | 493,41 | 1.964,35 |
| IV. Acreedores comerciales | 75,01 | 1.393,87 |
| 2. Deudas por compras o prestaciones de servicios | 75,01 | 1.393,87 |
| 419. ACREEDORES POR OPERAC. EN COMÚN | 25,01 | 1.393,87 |
| VII. Ajustes por periodificación | 418,40 | 570,48 |
| 485. INGRESOS ANTICIPADOS | 418,40 | 570,48 |
| TOTAL PASIVO | 76.172,62 | 73.362,81 |

**Alvoko al la**

# Ĝenerala Kunsido de HEF

Konforme al nia statuto, la HEF-prezidanto alvokas ĉiujn membrojn al la Ĝenerala Kunsido okazonta en la fakultato pri Filologio de la Universitato de Valencio la 19an de julio de 2003 je la 10:00 horo, kadre de la 62a Hispana Kongreso, por pritrakti jenan tagordon:

1. Lego kaj eventuala aprobo de la protokolo de la antaŭa kunsido (vidu Boletín n-ro 357, paĝo 3).

2. Prezento kaj eventuala aprobo de la kontoetato kaj agadraporto de la jaro 2002 (resumo de ili troveblas en apudaj paĝoj, ĉi-numere).

3. Prezento de la jarraporto de Fundación Esperanto en 2002.

4. Demandoj, petoj, proponoj.

## Cuenta de perdidas y ganancias

| DEBE | EJERCICIO 02 | EJERCICIO 01 |
|---|---|---|
| A) GASTOS | 8.000,92 | 13.008,91 |
| A2. Aprovisionamientos | 500,47 | 870,76 |
| a) Consumo de mercaderías | 500,47 | 870,76 |
| 600. COMPRAS DE MERCADERÍAS (libros) | 1.245,47 | 0,00 |
| 610. VARIA. EXISTEN. DE MERCADERIAS | -745,00 | 870,76 |
| A4. Dotaciones para amort. de inmovilizado | 386,96 | 1.866,22 |
| 682. AMORT. DEL INMOV. MATERIAL | 386,96 | 1.866,22 |
| A6. Otros gastos de explotación | 7.036,13 | 10.210,93 |
| a) Servicios exteriores | 6.576,98 | 9.876,58 |
| 622. REPARACIONES Y CONSERVACION | 226,53 | 10,73 |
| 623. SERVICIOS DE PROF. INDEPEND. | 146,16 | 348,58 |
| 625. PRIMAS DE SEGUROS | 0,00 | 56,55 |
| 626. SERVICIOS BANCARIOS Y SIMILARES | 254,41 | 277,72 |
| 627. BOLETÍN, EXPO, ETC. Y REL. PÚBLICAS | 3.214,55 | 6.013,57 |
| 628. SUMINISTROS | 163,28 | 628,09 |
| 629. TELÉFONO, COMUNIDAD, ETC | 2.572,05 | 2.541,34 |
| b) Tributos | 51,55 | 0,00 |
| 631 OTROS TRIBUTOS | 51,55 | 0,00 |
| 655. Perdidas de cuotas incobrables | 407,60 | 334,35 |
| AI. BENEFICIOS DE EXPLOTACIÓN | 1.491,35 | 0,00 |
| A7. Gastos financieros y gastos asimilados | 0,01 | 0,02 |
| c) Por deudas con terceros y gastos asimilados | 0,01 | 0,02 |
| 6690. GASTOS POR REDONDEO DEL EURO | 0,01 | 0,02 |
| AII. RESULTADOS FINANCIEROS POSITIVOS | 0,07 | 0,01 |
| AIII. BENEF. ACTIVID. ORDINARIAS | 1.491,42 | 0,00 |
| A13. Gastos extraordinarios | 77,35 | 0,00 |
| 6780. GASTOS POR INTRODUCCION DEL EURO | 77,35 | 0,00 |
| AIV. RESULT. EXTRAORDINARIOS POSITIVOS | 2.789,53 | 607,02 |
| AV. BENEFICIOS ANTES DE IMPUESTOS | 4.280,95 | 0 |
| A15. Impuesto sobre sociedades | 0,00 | 60,98 |
| 630. IMPUESTO SOBRE BENEFICIOS | 0,00 | 60,98 |
| AVI. RESULTADOS DEL EJERCICIO (BENEF.) | 4.280,95 | 0,00 |

| HABER | EJERCICIO 02 | EJERCICIO 01 |
|---|---|---|
| B) INGRESOS (B1 a B13) | 12.281,87 | 10.486,73 |
| B1. Importe neto de la cifra de negocios | 9.261,91 | 9.518,02 |
| a ) Ventas (libros) | 818,63 | 741,71 |
| 700. VENTAS DE MERCADERIAS (libros) | 818,63 | 741,71 |
| b) Prestaciones de servicios | 8.443,28 | 8.776,31 |
| 705. PRESTACIONES DE SERVICIOS | 520,40 | 389,42 |
| 720. CUOTAS DE USUARIOS. | 218,43 | 262,99 |
| 721. CUOTAS DE AFILIADOS. | 7.630,75 | 7.666,53 |
| 723. INGRESOS COLABOR./CONGRESOS. | 0,00 | 450,36 |
| 726. DONACIONES DE SOCIOS. | 73,70 | 7,01 |
| B4. Otros ingresos de explotación | 153,00 | 361,66 |
| a) Ingresos accesorios y otros de gestión corriente | 153,00 | 161,66 |
| 759. INGRESOS POR SERVICIOS DIVERSOS | 153,00 | 161,66 |
| b) Subvenciones | 0,00 | 200,00 |
| 741. OTRAS SUBVENC. A LA EXPLOTACION | 0,00 | 200,00 |
| BI. PERDIDAS DE EXPLOTACION | 0,00 | 3.068,23 |
| B7. Otros intereses o ingresos asimilados | 0,08 | 0,03 |
| c) Otros intereses | 0,08 | 0,03 |
| 7690. INGR. POR REDONDEO EURO | 0,08 | 0,03 |
| BIII. PERDIDAS DE LAS ACTIV. ORDINARIAS | 0,00 | 3.068,22 |
| B12. Ingresos extraordinarios | 2.866,88 | 607,02 |
| 778. INGRE. EXTRA. (LIQUID. LIBROSERVO) | 2.866,88 | 607,02 |
| BV. PERDIDAS ANTES DE IMPUESTOS | 0,00 | 2.461,20 |
| BVI. RESULTADOS DEL EJERC. (PERDIDAS) | 0,00 | 2.522,18 |

Hispana peranto de la revuo "Komencanto", kompreneble por komencantoj, estas: Pablo Vicente Valero, avd. Obispo Quesada 14-6D; ES-40006 Segovia.

**Notu ke**

la Sekretario havas novan deĵor-horaron en la CO de HEF: lunde kaj ĵaŭde, proksimume de la 17a ĝis la 21a horo.



# Fundación Esperanto

La Fondaĵo Esperanto ricevis proponon de s-ro Giancarlo Figuiera por donaco de 500 eŭroj kun la celo aĉeti 16 ekzemplerojn de la baldaŭ aperinta "Gran Diccionario Español-Esperanto" de Fernando de Diego, kondiĉe ke tiujn ekzemplerojn oni donacos al publikaj bibliotekoj de hispanaj urboj kie ne ekzistas esperanto-movado.

Al tiu promeso, donaci 16 ekzemplerojn, alia bonfarulo deziras adicii aliajn 9 ekzemplerojn, tiel la Fondaĵo Esperanto verŝajne havigos 25 ekzemplerojn de tiu libro al simila kvanto da publikaj bibliotekoj en Hispanio.

Ni atentigas al ĉiu hispana samideanaro pri la graveco helpi la Fondaĵon ĉar tio signifas helpi la disvastigon de Esperanto en nia lando.

Kontribuu uzante la kontojn:
Ibercaja: 2085-0101-13-0128624762
La Caixa: 2100-2149-31-0100165085

Memoru, ke ĉiu donacanto rajtas decidi la celon de sia donaco.

Same, ni sciigas al ĉiuj hispanaj esperantistoj kiuj pripensis peti aŭ organizi kurson de la internacia lingvo Esperanto en sia loka universitato, ke la Fondaĵo eldonis antaŭ unu jaro broŝuron kie detale oni informas pri la eblecoj atingi tion kaj kiel oni povas fari peton al la universitataj aŭtoritatuloj. La broŝuro estas senpaga kaj oni povas peti ĝin al jena adreso: Fundación Esperanto (Dirección); Apartado de Correos 3142; 14080 Córdoba; aŭ al la retadreso:

fundacionesperanto@hotmail.com

*José María Rodríguez*

# Domo de la vortoj

HEF ĵus kunlaboris kun la entrepreno Ingeniería Cultural, S.A., kiu zorgas pri la kultura enhavo de la ĵus kreita "Casa de las Palabras" (Domo de la vortoj). Temas pri speco de Muzeo dediĉita al la vortoj, kaj, kompreneble, al la diversaj lingvoj de la mondo. La sidejo de la "Domo de la vortoj" situas en Vigo, kaj la unua kunlaboro, inter nia Asocio kaj Ingeniería Cultural, konsistis en la tradukado de malgranda dialogo okazanta inter knabo kaj ties ombro. Ĝi aperos en formo de komikso.

*MZ*



# Pri Grupoj, Asocioj kaj tiel plu.

## Andaluzio

La pasintan 14an de aprilo naskiĝis oficiale la "Jaena Esperanto-Asocio" kiu strebas al la kunordigo de la jaena esperantistaro kaj al la disvastigo de la internacia lingvo en tiu andaluza provinco. Momente, deko da gesamideanoj aliĝis al JEA kiu, tagon post tago, esperas kreskigi la nombron da esperanto-parolantoj en Jaeno. Se vi loĝas en Jaeno, aŭ se vi deziras kunlabori kun ĉi tiu asocio ni sciigas pri la virtuala adreso en Interreto, baldaŭ oni informos pri la adreso de la sidejo kaj la poŝta adreso. www.esperanto-jaen.tk

Juŝ aperis la 70a numero de la revuo Gazeto Andaluzia, oficiala organo de Andaluzia E-Unuiĝo. Estas eble legi, tra la paĝoj de la revuo, la kutimajn sekciojn pri Flamenko, Andaluza Kuirarto, Informoj pri la movado en Andaluzio, Turism-eblecoj en Andaluzio, ĉi-numere oni parolas pri la malaga vilaĝo Frigilliana kaj Interlingvistiko, ĉi-foje aperas studo pri la internacia lingvo Frater, kies aŭtoro estas la vjetnama Phan Xuan Thai. La revuon ricevas ĉiuj membroj de Andaluzia E-Unuiĝo.

*Jose María Rodríguez*



Esperantisto el la tuta vaska lando kunvenis en Bilbao

## Eŭskio / Vaskio

* G.E. de Bilbao elektis novan Estraron en sia lasta Ĝenerala Kunsido: Prez. J. Miguel García Iturrioz; Vicprez. Patxi de la Hoz; Sek. Sabin Orueta; Kas. Eduardo Larrouy; Voĉdonantoj: Iñaki Velez kaj Isaac García.

* Danke al la senlaca laboro de Patxi de la Hoz, la E-Grupo de Bilbao havas ttt-ejon <www.geocities.com/esperantobilbao>. Trovu tie informojn pri la Asocio kaj pri la estonta Eŭropa Kongreso okazonta en la urbo en 2004.

* Radio Nacional intervjuis s-ron J.M. García pri la E-kurso en la Universitato, pri la prekaŭ centjara historio de la E-Grupo kaj la estonta EEU-kongreso.

* Bilbao preparas sin por gasti EEU-Kongreson venontjare. La provizora dato: 04.08.25-30; kongresejo: Fakultato pri Ekonomio de la Vaska Universitato. La LKK kunvenas ĉiuvendrede por labori pri la aranĝo.

* Unu plian jaron okazas E-kurso ĉe la Vaska Universitato, de 02.10 ĝis 05.21. Ĉi-foje aliĝis 16 gelernantoj. Instruas JM García. Esperanto estas studobjekto libervole elektebla, oficiale agnoskita kun valoro de 4,5 kreditoj.

*El Nia Ponto*

# Kanariaj Insuloj

Kiel en antaŭaj okazoj, la Esperantista Societo de Tenerife instalis librobudon en la belega parko Garcia Sanabria, de Santa Cuz. La budo (3 x 4 m) enhavas riĉan libroekspozicion, kun televidilo kaj vidbendaparato kiuj daŭre proponas informojn pri Esperanto, kaj oni prezentas al vizitantoj E-Kursojn, klarigas dubojn kaj ĝenerale informas pri nia utila kaj riĉa universala helplingvo.

Multaj personoj interesiĝis kaj multaj montris sian intencon viziti nian ejon, en la strato San Agustín 23, malnova Universitato de San Fernando.

La membraro de ESTO vigle partoprenis en la instalado de la budo, kaj en la deĵoroj necesaj por teni malfermita la standon dum pli ol unu semajno.

*Omarajan*



Kantabraj e-istoj vizitis ESTO-n



Kelkaj lernantoj el la e-kurso de Kantabra E-Asocio

# Kantabrio

* KEA (Kantabra E-Asocio), havos ĉi-jare sian Ĝeneralan Kunsidon en junio. Ankaŭ tiumonate finiĝos baza E-kurso, kaj la membroj ĝuos du ekskursojn.

# Katalunio

* Post la forpaso de Luis Hernández Yzal, grupo de familianoj, amikoj kaj kunlaborantoj, iniciatis fondaĵon ene de UEA sub la nomo "Bibliografia Fondaĵo Luis Hernández Yzal". La komisiono konsistas el tri membroj: D-ro Devler Blanke (Prez.), D-ro Arpád Máthe (sek.) kaj Trevor Steele (Ĝenerala Direktoro de UEA). Oni proponas, kadre de la fondaĵo, apartigi monon por eldoni memorlibron omaĝe al nia karmemora samideano.

Kontribuu ĉe: UEA; konto: bfyz-h; Nieuwe Binnenweg 176; NL-3015 BJ Rotterdam; Nederlando.

* En marto, danke al la kunlaboro de la direktoro de la biblioteko Vapor Vell, s-ro Juliá Figueras, estis inaŭgurita E-fako en unu el la plej modernaj publikaj bibliotekoj de Barcelono. BEC iniciatis la projekton, al kiu tuj aliĝis pluraj homoj kaj asocioj per librodonacoj: Luis Serrano, Giordano Moya, A. Marco Botella, la eldonejo Prosveta el Francio kaj HEF.





30 atentaj aŭskultantoj ĉe la prelego de Martí Guerrero, unua de dekstre en la antaŭa foto

Komence la E-fako disponas pli ol 60 malsamajn verkojn: lernolibroj, vortaroj, romanoj, novelaroj, eseraroj, ktp.

Okaze de la inaŭguro, s-ro Martí Guerrero prelegis pri "La Eŭropa Unuiĝo kaj la lingva problemo".




Publiko antaŭ la stando de BEC en la foiro "Firentitas"

* Unuafoje Barcelona E-Centro partoprenis dum tri tagoj en Firentitats (Ferio de Asocioj), kune kun 135 aliaj kulturaj kaj civitanaj asocioj.



Estraranoj de BEC ĉe la stando de la Asocio

BEC prezentiĝis per aparta stando. Krome ĝi disponis specialan lokon por ekspoziciado de diversaj afiŝoj, kaj du vitrajn tablojn por montrado de interesaj libroj. Cetere, s-ro Martí Guerrero prelegis pri "La problemo de la lingvoj".

La foiron vizitis milojn da homoj. BEC disdonis 500 informilojn kaj akceptis aliĝojn por somera E-kurso.

*Salvador Aragay*

* En majo kaj junio okzis du E-Babiladoj organizitaj de KAE. La unua, "Ĉu ankoraŭ militoj en la 21a jarcento, kaj kio post ĉi tiu milito?, kaj la dua, "Ĉu eblas ekologia vivo por ĉiuj civitanoj?, en Valldoreix.

*Luis Serrano*

* En la kataluna ĵurnalo "El Punt" aperis, la 27an de majo, longa kaj ege favora artikolo de Pius Pujades pri Esperanto kiel komuna lingvo de Europo.

*MZD*

* La balota unio "Candidatura d'Unitat Popular de Mataró", maldekstrema kaj sendependema, proponis i.a.: "Garantii la ĉeeston de la internacia lingvo, t.e., Esperanto en la instruado, la publikaj bibliotekoj kaj uzi ĝin en la internaciaj rilatoj kiel pontolingvo ekster la latinida lingva teritorio..."

*Reta E-bulteno "Kontaktejo"*

# Madrid

* MEL lotis inter siaj "akurate kotizemaj" membroj 5 ekzemplerojn de la granda hispana-esperanto vortaro de Fernando de Diego.

* La 29an de aprilo, okazis informa kunveno ĉe la Centra Oficejo de HEF, en Madrido, pri la "62a Hispana Esperanto-kongreso", okazonta en Valencia, 15-20 de julio.

# Murcio

* Aperis en la reto la 58a numero de Kajeroj el la Sudo. Legu ĝin ĉe: www.iespana.es/esperanto/k58.htm

*Jesuo de las Heras.*

# Valencio

* La 30an, 31an de majo kaj 1an de junio okazis, kiel kutime, ĉe la riverparko de Valencio, la Alternativa Foiro, kun granda ĉeesto da publiko. Lokaj esperantistoj muntis E-budon, sub la gvido



E-budo ĉe la Alternativa Foiro de Valencio

de Eduardo Martínez Navarro (en la foto), animo de tio kiel ĉiujare.

Multaj preterpasantoj kaj scivoluloj vizitis la budon, aĉetis e-materialon, kaj petis diverstipajn informojn, ĉefe pri la eblecoj lerni la lingvon. Plej allogis la brazila kurso de Esperanto, kiun ĉiuj povis rigardi ĉe la tie funkcianta komputilo. Multaj homoj prenis e-adresojn por mem informiĝi pli vaste pere de interreto.

* La 27an de majo estis oficiale inaŭgurita E-fako en la biblioteko de la "Fundación Salvador Seguí de Valencia", kun ĉeesto de ties membraro kaj de diversaj repreentantoj de e-asocioj de Valencia (Grupo Esperanto de Valencia, E-Fondaĵo Fernando Soler, Universitato, ktp). La prezidanto de la Fundación Santiago Seguí, samideano Federico de Félix, mem tre antikva esperantisto, perfekte kaj kortuŝe salutis en esperanto, kaj same faris la prezidanto de Grupo Esperanto de Valencia, s-ro José Pérez Sempere.




Je la fino oni regalis la ĉeestantoj per diversaj manĝaĵoj kaj trinkaĵoj (ne-alkoholaj) en ege agrabla kaj familia etoso.

*Augusto Casquero*

# Tutlande

* La Konsilio pri Edukado de la Madrida Registaro transdonis al HEF la eldonaĵon de la projekto "Madrido: vojkruciĝo de kulturoj", en kiu HEF partoprenis per poem-traduko fare de Jorge Camacho. La libro troviĝas en la biblioteko je ĉies dispono.

Ana Manero

* Aperis "Klaro kaj elasto", fest-libro por la 80a naskiĝ-tago de Fernando de Diego, eldonita de Edition Iltis 2003. 422 p. 59,80 eŭroj. Kunlaboris, inter aliaj, s-ano Antonio Marco Botella, Miguel Fernández kaj Gabriel María Verd.



# E-o! E-o! E-o!

La kantisto de roko-grupo portis kaj svingis la flagon de esperanto dum koncerto, okaze de la "Printempa festo", antaŭ tri mil homoj dum preskaŭ duonhoro. La muzikgrupo tre amikas al Pablo kaj Paco, junaj membroj el la E-asocio de Jaeno. La supra foto aperis en la provinca ĵurnalo "Ideal".

*El SATEH*

* La manifesto kontraŭ la milito, verkita de la portugala nobelpremiito José Saramago, kaj legita post la granda manifestacio okazinta en Madrido la 15an de marto, legeblas en esperanta traduko de la poeto Gonçalo Neves ĉe:

http://personal.telefonica.terra.es/web/tdb/manifesto.htm

* Unu el la ludoj de la populara programo "Pasapalabra" de la 20an de majo (Antena 3) proponis diveni la signifon de pluraj E-vortoj.

*Marcos Cruz*

* Aperis libro verkita far Manel Vinyals kaj Joaquim Marcoval, kiuj ĉirkaŭiris la mondon en 79 tagoj (sen aviadiloj) kun la helpo de diverslandaj esperantistoj, sekvante la spurojn de la fama rolulo Phileas Fogg, de la verko de Jules Verne.

La titolo de la libro estas "Amb l'esperanto a la motxilla (La volta al món en 79 dies)" (Kun Esperanto en la dorsosako - ĉirkaŭiro de la mondo en 79 tagoj). Oni prezentis ĝin en Barcelono la 26an de Aprilo.

* En Ciberpaís, ekstraĵo de la ĵurnalo El País de la 29a de majo, aperas informo de Antonio del Barrio pri la kanzono Aserejé en Esperanto, kaj pri diversaj informoj pri Esperanto troviĝantaj en sia retpaĝaro:

<www.telefonica.net/web/tdb.>

*Darío Rodríguez*

* Se oni konsultas la ĝeneralan katalogon de la hispana Nacia Biblioteko, uzante la vorton "esperanto", aperas jena resulto:

www.bne.es/esp/cat-fra.htm

105 modernaj libroj ekde 1831

14 revuoj kaj ĵurnaloj

2 Gravuraĵoj, desegnoj kaj fotografaĵoj

1 Partituroj

6 Sonaj surbendigoj

Cetere, en la sama ret-paĝo, en la katalogo de hispanaj bibliotekoj aperas datumoj pri la "Biblioteko Juan Régulo" de HEF kaj la biblioteko de la Valencia Grupo.

*Nia Voĉo*



Kun la esperanta flago surstrate



Lernantoj de la supera kurso

# Printempa Staĝo

Apud Béziers, suda Francio, en la karabana kampadejo "La Drangonnière", okazis de la 14a ĝis la 21a de majo unu el la plej emociaj E-ventoj, la "20a Printempa Staĝo". Partoprenis en la kunveno 36 geesperantistoj, kiuj estis mergataj je Esperanto.

La celo estis la instruado, bonvolu imagi, preskaŭ 10 horojn ĉiutage dum la tuta seamjno parolante en Esperanto, verajn intensajn E-kursojn je tri niveloj, tre altnivelajn E-Ekzamenojn gvidatajn de s-ino Susanne Authier kaj du festojn: "Vespero de s-ino Josée Lafosse" kaj "Teatra Vespero" gvidata de s-ro Jean-Pierre Peray.

La subskribinto gvidis la "superan kurson", en kiu pli malpli 10 gelernantoj, amuze kaj studeme, sekvis la komentarion pri la 16 fundamentaj reguloj.

Resume, laŭ nia opinio, Esperanto vere estas jam plene vivanta internacia lingvo, nur restas rekomendi al ĉiuj gelernantoj "ĉeestu amase venontjare la 21an Staĝon".

*S. Aragay*

Manskribita letero de Emilio Herrera en Esperanto

# Aernavigado

En Boletín 359 ni jam informis pri artikolo de Antonio del Barrio aperinta en "Aerogaceta", oficiala bulteno de la Fondaĵo Emilio Herrera. Nun ni devas aldoni, ke la ĉefredaktoro de tiu gazeto mendis pliajn artikolojn.

Fakte, ĵus aperis la 10a numero de la revuo, kaj en ĝi aperas, en elstara loko, du paĝoj en rilato al nia lingvo. Longa artikolo "Un idioma verdaderamente internacional en la navegación aérea: el esperanto" (Lingvo vere internacia en aernavigado: Esperanto), en kiu Antonio del Barrio informas pri la avantaĝoj kiuj havus la elekton de tiu ĉi lingvo kompare al la nuna elekto, la angla.

Antonio del Barrio uzas kelkajn el la argumentoj uzitaj plurloke de samideanoj Kent Jones kaj Gilbert Ledon, kaj li ankaŭ profitas ke Herrera mem verkis ĉi-rilatan artikolon en la 20aj jaroj.

En la sama numero de la revuo aperas du kromaj pli malgrandaj eroj:

a) informo pri la aperigo de novaĵoj rilate al nian iama samideano Herrera en la esperantista gazetaro (interalie en Boletín).

b) transkribo de la malneto de letero aŭtografa de Herrera en esperanto, kiu aperis en la arĥivo de la Fondaĵo, kun traduko en la hispanan. Ĝi konsulteblas ĉe:

http://personal.

telefonica.terra.es/web/tdb.

La redaktoro de *Aerogaceta* inkludis ankaŭ foton de Zamenhof, esperantan flagon, bildo de stampo en esperanto kaj bildon kun la menciita letero. La tuto aspektas tre alloga.

MZ

# Le Monde

La vere prestiĝa franca gazeto Le Monde Diplomatique havas jam retversion en Esperanto. Ĝi aperas kadre de la oficiala paĝaro de la gazeto ĉe:

www.monde-diplomatique.fr/int/

Rekta lego eblas ankaŭ ĉe:

http://eo.mondediplo.com/

*Pedro A. Hernández*



# 15a VEF-Murcia E-Kongreso





Dum la 4a kaj 5a de majo okazis en Murcio la 15a kongreso de Valencia E-Federacio kaj Murcio, kun ĉeesto de samideanoj de ambaŭ regionoj, prezidita de Jose Miguel Bernabeu. Dum la kongreso okazis, krom prelegoj, filmoprojekciado kaj kunvenoj, la Ĝenerala Kunsido.

La ĉestantoj ricevis belan donacon, nome, k-diskon, kiu enhavis amason da interesa E-materialo, inter ili la kompleta kolekto de la revuo "Kajeroj de la Sudo".

Murciaj samideanoj informis ke ili intencas pretigi k-diskon jun ĉiuj numeroj de la valencia bulteno "Valencia Luno".

Oni decidis okazigi en la jaro 2004 la kongreson en la valencia provinco (laŭ alfabeta ordo), kaj okazigi Eksterordinaran Kunsidon kadre de la Hispana Kongreso en Valencio 2003.

Adiaŭo okazis en bela restotacio, kie ĉiuj gustumis la tradician paelon.

*Augusto Casquero*

## Gazetoteko

Gazetoteko "Eŭĝenio Lanti" estas projekto de Jesuo de las Heras, honore al la fondinto de SAT. Ĝi estos virtuala gazetoteko en Interreto, alirebla de ĉiuj, kiu volos konsulti ĝin, tute senpage. Kopioj en KD-romo estos eblaj.

Kiel unua paŝo la gazetoteko disponas jam la kompleton de la bulteno "Kajeroj el la Sudo". Sekvos Boletín kaj aliaj.

*MZ*




## UK

* La ĉijara 88a Universala Kongreso, okazonta en Gotenburgo, Svedio, funkciigos ankaŭ t.n. virtualan kongresejon, en kiu nekongresanoj povos sekvi la laborojn de la kongreso lege, bilde kaj aŭde. Tio estos la unua klopodo, tial pionira. Krom legi kaj aŭdi pri la diversaj aranĝoj, eblos sendi mesaĝojn al ĉiuj kongresanoj (ĉiu ricevos propran retadreson, kiu funkcios nur dum la kongresa semajno), pridiskuti la kongresan temon kaj aŭskulti eldirojn de kongresanoj. La virtuala kongresejo funkcios ĉe la adreso www.uk-2003.net. Atentu! Tiu reteja adreso ankoraŭ ne estas aktiva!

*Franko Luin*

## La Civito

* Konsula dekreto ĵus naskis Fonduson Pro Esperanto, telematike funkciantan embrion de la Civita Banko, la financa instrumento de la Esperanta Civito. La Fonduso startos en junio 2003, pormomente administrata en Svislando, kaj tuj plenumos du servojn. La kvestora servo prizorgos la bezonojn de la Civitaj instancoj, unuavice de la Parlamento. La konfida servo prizorgos, laŭ tutjaraj kontraktoj kun unuopaj klientoj, peradan funkcion por kreditrealigoj, debeta superrigardo, transakcioj kaj alio utila por la difino de la poseda etato, pli ol de spezkalkulo.

*Esperanta Civito*

## e-librejo

* La e-librejon de "www.esperanto.se" ĝis la 15a de majo vizitis 104.000 legantoj. La unuan pozicion okupas La Eta Princo. Plej multe oni legas diversajn popularajn tradukitajn verkojn. Inter la originalaĵoj la unuajn lokojn okupas verkoj de Zamenhof, Privat, Drezen kaj Neergaard. La unuan lokon inter originalaj verkoj de vivantaj aŭtoroj okupas "Ne nur Leteroj de Plumamikoj" de M. Boulton (598), la duan "Eŭropa Identeco" de Z. TiŜljar (585) kaj la trian libro de Franko Luin "Spuroj de Miaj PaŜoj" (515).

*Zlatko TiŜljar*

## Tefloro

Retgazeto "Tefloro" estas socikultura kaj movada retgazeto, redaktita en ĉina fama teohejmloko Xinyang, kaj dissendata per Interreto: http://abonu.com.

*Zhang Xuesong*

## Disko

* La franca diskeldonejo "Productions Speciales" publikigis la diskon "Georges Brassens - Versions Originales", kiu enhavas du kanzonojn kantitajn de Jacques Yvart en esperanto. La disko bone disvendiĝas en ĉiuj francaj diskovendejoj kaj oni distribuas ĝin eĉ en aliaj partoj de la mondo.

*Vinilkosmo*

## Katolikoj

* Katolikoj de la tuta mondo povis vidi denove sur la Placo Sankta Petro en Romo grupon de esperantistoj, gvidataj de Gianni Conti el Milano, kun grandega afiŝo, okaze de la paskaj salutoj de Johano Paŭlo la 2a.

*MZD*

## Alfred Nobel en Esperanto

* Eldona Societo Esperanto prezentos sian plej novan libron "Nemesis — Nemeza", verkita de Alfred Nobel (tiu de la Nobel-premioj). La aŭtoro verkis ĝin en sia lasta vivojaro kaj presigis ĝin en 1896, sed la tuta eldono estis tuj detruita. La nuna eldono estas dulingva, sveda-esperanta, vera monda sensacio, ĉar ĝi estas kaj unua eldono por svedoj kaj unua traduko en iun ajn lingvon. La libro estos aĉetebla en ĉiuj svedaj librovendejoj.

*Franko Luin*

La sepan de aprilo komencis sian viv-aventuron Yasna, filino de Tania kaj nia samideano Pedro A. Hernández. Gratulon, karaj!

## Juro

Venonta numero de Jura Tribuno Internacia, oficiala organo de Esperanta Jura Asocio, aperos somere koincide kun la Universala Kongreso. Interalie, ĝi proponos eseon sub la titolo "Protektado de la Ĵurnalistoj dum la militaj konfliktoj fare de la Internacia Homarana Juro". Ĝi estu utila por diskonigi la laboron de la ĵurnalistoj dum la militoj kaj por memorigi ĉies devon protekti ilin dum la konfliktoj, kaj ankaŭ kiel omaĝo al ĉiuj ĵurnalistoj kiuj ĝis nun mortis en la iraka milito, ĉefe al la hispanoj Julio Anguita kaj José Couso.

Aliaj artikoloj en la revuo pritraktos la temojn "La Internacia Kriminala Tribunalo" kaj "La Konstanta Agreso kiel leĝa sindefendo en la Internacia Juro".

*Jose Maria Rodriguez*

## Valencia kaj kataluna lingvo

En la numero 351 de Boletín, 11a paĝo mi legis ke s-ro Augusto Casquero prelegis en Pollando pri "La lingvoj de Hispanio (kun speciala klarigo pri la diferenco inter la kataluna kaj valencia). Estas strange por mi la fakton ke li portis tiun ĉi polemikon al tiel fora lando.

Science dirite, valencia, kataluna, baleara kaj andora lingvoj apartenas al la sama lingvo. La polemikoj inter tiu ĉi lingvoj ĉiam estas politikaj aferoj. La valencia specialisto pri mezepoka historio, Enric Guinot skribis: "En ĉiuj paktoj, kiuj intervenis la reĝo Jaume 1a, por pritrakti kapitulacajn kondiĉojn kun la valenciaj muzulmanoj, ĉiam li bezonis interpretiston por traduki la araban lingvon. Tio pruvas ke la mozaraboj de Valencio parolis arabe."

Estas pli da diferenco, ekzemple, inter la lingvo parolata en Valladolid kaj la lingvo parolata en Andalizio, ol inter la lingvo parolata en Valencio kaj la lingvo parolata en Katalunio.

Mia opinio estas, ke ni senĝene povas paroli pri baleara, valencia kaj kataluna lingvoj, sed tio ne volas diri ke ili estas malsamaj lingvoj. Se foje politikemuloj deziras paroli pri lingvoj andaluzia, meksikia, venezuela, ktp., ŝajnas al mi, ke ili povas senĝene tion fari, sed tiuj ĉi "lingvoj" apartenas al la kastilia lingvo.

Mi sugestas al Augusto Casquero, ke li demandu al la simpatia valencia samideano Francisko Peris, ĉu li spertas miskomprenojn, kiam li interparolas kun katalunlingvanoj.

*Martí Guerrero Cots*



## Salvador Gumà Clavell

senbrue paŝis alimonden.

La entombiga meso okazis la 24an de majo en Reus ĉe Sant Francesc preĝejo, kaj Hispana Esperanto-Federacio kondolencis la familion, memorante ke la Asocio nomumis lin Honora Membro en sia ĝenerala kunsido de la jaro 1993.

Pacon al vi, Salvador.

Sur la kovrilo de Boletín 360 erare aperas la dato. Anstataŭ "majo/junio" ĝi devus teksti "marto/aprilo".

Ni pardonpetas.

*La Redaktisto*

La Akademio de Esperanto atendas vin en Interreto

**www.akademio-de-esperanto.org**

**La Gazeto**

Nova hispana peranto (jarkotizo 26 EUR): BEC; Bassegoda 40, 3º, 1a; ES-08028; Barcelona




Faras la movadon...**GRANDA**

**Kontribuu pere de:**

Iber-Caja

**2085-0101-13-0128624762**

La Caixa

**2100-2149-31-0100165085**

Sendu viajn kotizojn por UEA, viajn abonojn por "Esperanto" kaj "Kontakto" kaj viajn UK-aliĝojn ne plu al la konto de HEF sed al la nova

**Peranto de UEA**

**Pedro A. Garrote**

**Apartado 119 — Esperanto; 47080 Valladolid**

**Konto: 0030 6002 74 0000901271;**

Banco Español de Credito (BANESTO); Valladolid

**Retadreso: pgarrote@eurociber.es**



**Luis Serrano Pérez**

Font Nova 32, 08202 Sabadell

**luis_serrano@mixmail.com**

tel: 937-275-021

Konto ĉe *Banco Sabadell*:

**0081-0900-82-0006712480**

# Esperanto en hispanaj kinejoj



"El cohe de pedales" (La pedalaŭto) jen la titolo de filmo en kiu rolas Esperanto.

Aktoro kaj filmdirektoro Ramón Barea kontaktis la Centran Oficejon de HEF en januaro. Li verkis filmon en kiu Esperanto ludas gravan rolon (la protagonisto kaj aliaj familianoj parolas ĝin). La filmo, kiu temas pri la vivo de familio en 1959, estas iom eksterrealisma kaj tre imagoplena.

Ni tradukis la partojn de la teksto kiuj estos en Esperanto, kaj konsilis pri diversaj aferoj. Eĉ la portreton de Zamenhof ni pruntis, ĉar ĝi aperos en unu sceno.

Sur la foto dekstre, la reĝisoro, Ramón Barea, centre Augusto Casquero kaj, maldekstre, la fama kin- kaj televid-aktoro Alex Angulo

Ni registris por ili sonbendon por gvidi la aktorojn pri prononcado, kaj kunsidis en la HEF-ejo kun la protagonisto, Álex Angulo, la rolulo kiu plej multe da frazoj diras en la Esperanto. Li tre bone ellernis, sed kompreneble li montris sian deziron praktiki plu.

La filmado okazis en Valencio dum aprilo kaj majo.

Krom la skriba kaj sonbenda helpoj donitaj, Augusto Casquero helpis surloke. La reĝisoro, kaj la aktoroj, ĉefe la ĉefrolulo Alex Angulo, kaj ĉiu teknikistoj, estis ege afablaj, helpemaj kaj favoraj al Esperanto. Foje, dum la filmado, Alex Angulo tre ĝentile diris: "Augusto, danke al via ĉeesto dum la filmado mi aktoras multe pli trankvile, ĉar mi scias ke vi

estas apude, kaj se mi havas dubon aŭ iun problemon vi estas preta por korekti kaj helpi min".

La klasĉambro, kiu aperas en unu el la scenoj, perfekte reproduktas la e-etoson, kun teksto en Esperanto skribita sur la nigra tabulo (diktaĵo por la "gelernantoj"), foto de Zamenhof sur la muro, verda stelo sur alia muro, kun suba teksto "Esperanto lingvo internacia", malnovaj e-libroj, ktp.

La filmon oni prezentos premiere en nia lando en septembro, kaj ĝi konkursos en la Internacia Kino-festivalo de San Sebastian. Nu, kvankam en ĝi Esperanto rolas iom kiel strangaĵo, sume la efiko estas favora al la lingvo. Ĝi povas veki certan intereson ĉe la publiko, kaj almenaŭ sciigi... ke Esperanto ankoraŭ vivis en 1959...

*Marcos Cruz kaj Augusto Casquero*

62a Hispana Esperanto-Kongreso

kaj 13a Internacia E-Kongreso

Valencio

15a ĝis 20a de julio 2003

Facultad de Filología

Avda Blasco Ibáñez 32



## Nia flago... por la paco!

La 30an de marto okazis la plej granda marŝado al Rota en la tuta historio de tiu ĉiujara protesto. La kialo estas evidenta, la partopreno de Hispanio en la milito kontraŭ Irako. Ĉi-foje du flagoj de esperanto videblis en la manifestacio, ĉar nia eta grupo de esperantistoj el Jaeno partoprenis en tiu porpaca manifestacio. La flagoj montriĝis bonegaj reklamiloj por esperanto, ĉar multaj homoj demandis nin pri la flago. Cetere, ni eĉ renkontis esperantiston el Sevilo kiu surpriziĝis pro la flagoj, kaj rapide alproksimiĝis por paroli kun ni. Alia hazarda renkonto okazis kun homo apartenanta al la verda partio, kiu helpis en la kreo de la deklaracio de la europa verda partio per kiu la partio akceptas kaj apogas esperanton kiel solan komunan lingvon de la Europa Unio. En Rota ni feliĉe malkovris ke paroli esperanton sub la verda flago estas la plej bona disvastigilo por nia kara lingvo en tiaj amasprotestoj.

*Pablo A. Foche*

# Esperanto kaj El País

Konata hispana esperantisto ĉiam parolas pri la hispana ĵurnalo *El País* dirante, ke temas pri kontraŭ-esperanta periodaĵo. Al mi ĉiam mirigis tiu difino, ĉefe ĉar mi estas fidela leganto de tiu tiu ĵurnalo pro ĝia konstanta progresema inform-politiko, kaj mi ĉiam kredis, ke esti progresema neniam povas signifi esti kontraŭ-esperantisto.

Do, ĉu reale la ĵurnalo *El País* estas kontraŭ-esperanta periodaĵo? Por trovi la respondon al tiu demando helpis min la modernaj teknologioj kiuj ebligas trovi kiom da fojoj aperas la vorto esperanto (aŭ kompreneble kiu ajn alia) en ĵurnalo sen la neceso viziti ofte la hemerotekoj. Tiel, jen miaj datumoj: ĝis hodiaŭ (fine de la monato majo 2003) la ĵurnalo *El País* aperigis 197 fojojn la vorton esperanto en siaj paĝoj laŭ la jena statistiko:

| | |
|---|---|
| Artikoloj aŭ mencioj de Esperanto kiel internacia lingvo | 18 |
| Artikoloj pri kongresoj de esperantistoj | 3 |
| Informoj pri libroj tradukitaj en esperanton | 8 |
| Esperanto kiel temo de leteroj al la direktoro | 5 |
| Mencioj pri la esperanto-kono de kelka persono (ĉefe okaze de nekrologoj kaj intervjuoj) | 17 |
| Mencio de Esperanto kiel sinonimo de "Ponto" aŭ "Miksaĵo" | 64 |
| Simplaj mencioj de Esperanto inter aliaj lingvoj | 55 |
| Mencio de Esperanto, sed ne kiel lingvo. (ekz. kiel teatr-verko de kataluna grupo aŭ titolo de libro de ĉilia aŭtoro) | 27 |

Se ni konsideras, ke verdire Esperanto kiel lingvo kaj movado aperas nur okaze de mencioj pri la lingvo mem, kongresoj, libroj aŭ kiel la temo de leteroj al la direktoro, oni devas diri, ke ĝi aperis 34 fojojn, kaj el tiuj mi legis eĉ ne unu kontraŭan opinion, ekz. oni informis pri la pretendo de la hispana esperantistaro ricevi pli da apogon de la nova hispana politika reĝimo, pri la okazigado de naciaj kongresoj en Leon kaj Malaga kaj eĉ pri la organizado de internaciaj kongresoj en Varsovio kaj Valencio kie partoprenis miloj da personoj. Do, neniuloke Esperanto ricevas en la ĵurnalo El País mokemajn opiniojn kaj ankaŭ ne oni parolas pri la vanaj esperoj de la esperantistoj, kiel mi legis sur alia ĵurnalo. Interkrampe mi devos diri, ke loka ĵurnalo de mia urbo aperigis iufoje informon diranta, ke Esperanto, pro ĝia facileco, estas lingvo lernita ĉefe de personoj ne tre inteligentaj.

## Konkurso

"Ĉu vi volas esti milonulo?", gvidata de Antonio del Barrio, plej populara TV-ludo, tute en Esperanto, kun projekciado pere de komputilo kaj partopreno de kongresanoj dezirantaj fariĝi "milonuloj".

## Eŭropa Kongreso

Jesús Miguel García Iturrioz prezentos la eŭropan kongreson, kiu okazos en



Rokego Ifach (Natura Parko)

**Centro de Valencia**

Basílica de la Virgen de los Desamparados (2)
Catedral (3)
Colegio del Patriarca (7)
Estación del Norte (13)
Instituto Valenciano de Arte Moderno (IVAM) (11)
Jardines del Turia (8)
La Lonja (4)
Mercado Central (5)
Museo Nacional de Cerámica (6)
Museo de la Prehistoria (12)
Museo San Pío V (9)
Palau de la Generalitat (1)
Torres de Serranos (10)

**Signos Convencionales**

Estación de metro
Aparcamiento
Oficina de Turismo
Iglesia



## loĝado

1) Universitata hotelo: La Asunción (proksime de la kongresejo)

* lito en dulita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: 115 €

* unulita ĉambro, kun matenmanĝo, 5 tranoktojn: 125 €

2) Junulara gastejo, loko en kvarlita ĉambro, 5 tranoktojn:

* Por homo malpli ol 26-jara: 65 €

* Por homo pli ol 26-jara: 76 €

3) Hostalo:

* lito en dulita cambro kun bĉ.: 18 €

* same sed kun duŝejo: 15 €

* unulita ĉambro kun duŝejo: 19 €

4) Tristela hotelo, urbocentre, sen matenmanĝo, 5 tranoktojn:

* lito en dulita ĉambro: 155 €

* unulita ĉambro: 185 €

Konstanta adreso: Augusto Casquero; Avenida Burjasot 29, A-31; ES-46009 Valencia; Retadreso:

augustocasquero@infonegocio.com

Bilbo de la dudekkvina ĝis la trideka de aŭgusto de 2004.

## Prelegoj:

Abel Montagut: "La fiasko de la Poemo de Utnoa (dek jarojn poste)". Ankaŭ Abel Montagut prezentos sian novan verkon "La enigmo de l' araneo".

Sigita Staisiunaite (Litovio): "Yumeiho terapio" (teorie kaj praktike).

Mayrim Sandoval (Venezuelo): "La forto de la revoj".

Giulio Cappa (Italio): "Televido: chu monda danĝero aŭ neŭtrala komunikilo?". Prezento de starpunktoj kontraŭaj (Popper, Mander, Postman) kaj favoraj (Plato, Eco, B.H.Lévy) al televido.

## Ronda tablo

Sabate la 19an de julio, okazos "Literatura Seminario: "De kie ĉerpas verkistoj sian inspiron?" kun la partopreno de Liven Dek, Abel Montagut, Miguel Fernández, Giulio Cappa, Jorge Camacho, Antonio Valén.

## Gran Diccionario

La kongresanoj estos la unuaj, kiuj vidos kaj tuŝos la tiom longe atendatan Gran Diccionario Español-Esperanto de Fernando de Diego, kiun oni prezentos okaze de la kongreso.

Cetere, je dispono de la kongresanoj estos ampleksa libroservo.

Kaj, kompreneble, multe, multe pli!

## Maldare manĝi

Eblas malmultekoste manĝi kaj en la kafejo de la Kongresejo (Fakultato de Filologio), kaj en la Universitata Hotelo.

Ekzemple: tagmenuo konsistanta el du pladoj + deserto + pano + trinkaĵo kostas 4,2 €

Granda sandviĉo (en normala pano, longa) = inter 1 kaj 1,5 € (multaj elekteblecoj).

Hamburgero: 1 €

Refreŝigaĵo: 0,75 €

Kafo kun lakto: 0,8 €

Tre maldare, ĉu ne?




Nova kolekto el 6 bildkartoj kun esperanta temo akireblos en Valencio

### Busoj kaj Metroo

Transportiloj de urbocentro al Kongresejo (Fakultato de Filologio, Av. Blasco Ibáñez, 32):

Aŭtobuso 81: Hospital General—Blasco Ibáñez (strato de la Kongresejo). Ĝi haltas, en direkto B. Ibáñez, en Urbodoma Placo/ str. Barcas. Revene ĝi haltas ĉe la fonto de la Urbodoma Placo.

Aŭtobuso 9: La Torre—Universitats. En direkto Universitatoj ĝi haltas malantaŭ "Correos", ĉe strato Pérez Pujol apud Roger de Lauria. Revene ĝi haltas en la Urbodoma Placo apud str. Sangre.

Metroo linio 3 Mislata—Rafelbunyol. Trafebla ĉe stacio Xàtiva, apud Renfe. Eliro ĉe stacio Facultats. Trairo: Xàtiva, Colón, Alameda, Facultats.

Revene al la urbocentro oni ne uzu la trajnojn al Torrent, kiuj ne trapasas stacion Xàtiva, sed nur tiujn direkten al Mislata. (En la stacio post Facultats (Benimaclet) eblas ŝanĝi al la tramo, por tiuj kiuj deziros iri al la plaĝo).

**Tarifoj kaj biletoj**

B. 10: 10 vojaĝoj metroe aŭ aŭtobuse. Senpaga ŝanĝo inter metroo-aŭtobuso aŭ inter du aŭtobusaj linioj. Prezo 5,65 E. Aĉetebla en metroo, tabakejoj, kioskoj.

Turisma persona karto: Senlima uzo de metroo kaj aŭtobusoj. 1 tago, 6 E, 2 tagoj 10 E, 3 tagoj 12 E. Aĉetebla en metroo, turismaj oficejoj, kaj vendejoj de la aŭtobusa kompanio.

Normala aŭtobusa bileto: 0,90 E

Rimarko: Ĉar la metroo iras al urboj ekster Valencio, tiuj tarifoj nur validas por la ĉefurbo.

*Dario Rodríguez*




**62a Hispana Esperanto-Kongreso**

**kaj 13a Internacia E-Kongreso**

Valencio

15a ĝis 20a de julio 2003

Facultad de Filología
Avda Blasco Ibañez 32

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ..................................................
Antaŭnomo: ..................................................
Naskiĝdato (2) .......................... HEF-numero ..............
Adreso..................................................
.......................................... Poŝtkodo ..............
Urbo.......................................... Telefono ..............
Retadreso .......................................... Faksilo ..............

(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj | ĝis 31-12-02 | ĝis 31-05-03 | poste |
|---|---|---|---|
| Membro de HEF (a MT) | 19 € | 22 € | 25 € |
| Ne membro | 23 € | 26 € | 29 € |
| Membro de grupo (pli ol 15 p.) | 15 € | 18 € | 21 € |
| Loĝejo | | ___ | ___ |
| Donaco | | | ___ |
| ENTUTE: | | | ___ |

Kotizu pere de Bancaja, strato Málaga 37; 46009 Valencia.
konto-numero: 2077-0069-24-3100702329 al la 62a Hispana E-Kongreso.
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.

**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**

LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo ..................................................

Konstanta adreso: Augusto Casquero; Avenida Burjasot 29, A-31; ES-46009 Valencia; Retadreso: augustocasquero@infonegocio.com



Fernando de Diego

**Gran Diccionario**

**Español-Esperanto**



COORDINADOR - KUNORDIGIS
Antonio Valén Fernández

EQUIPO DE REVISIÓN - REVIZIIS
Héctor Alós i Font • Jorge Camacho Cordón
Miguel Fernández Martín • Miguel Gutiérrez Adúriz

mga

137 bachear

B

b b *m* a b (bo) *minúscula*, *mayúscula* minuskla, majuskla b (bo) • *probar por a más b* pruvi per a plus b; *Fig* pruvi efektive

Baal *Rel* Baalo *Baal Zebub*, v "*Belcebú*"

baba bavo, salivumo • suko *(de árboles)* • bavo *(de caracol)* • *Amé* speco de kajmano • *Fig Fam caérsele a uno la baba* esti ravita, gapi de miro, esti stulta • *se le cae la baba con su niño* si ravigas de sia infano • *echar baba* bavi

babada bavo *(de los animales)*

babadero, babador bavo-tuko

babarse bavi

babaza v "*babosa*"

babear v "*babarse*" • *Fig Fam* servile komplezi

babel *Fig* pandemonio *la casa es una babel* la domo estas pandemonio

Babel Babelo *la torre de Babel* la Babela turo, la Babel-turo

babélico babela

babeo bavado

babera mentono-armilo *(armadura)* • saliv-tuko

babero saliv-tuko *los niños pequeños llevan un babero para comer* la etaj infanoj portas saliv-tukon por manĝi • kitelo *(bata)* • antaŭtuko *(peto)*

Babia *Fig Fam estar en Babia* vivi en la nuboj, havi la kapon en la nuboj

babieca stulta, simplanima

babilla patelo *(de cuadrúpedos)* • ligamusklo *(entre la tibia y el fémur)*

babilonia *Fig Fam* v "*babel*"

Babilonia Babilono, Babelo *(ciudad)* | Babilonio *(reino)*

babilónico, babilonio babilon(i)a • *Fig* babilona, pompa *(fastuoso)* • babilon(i)ano • la babilona (lingvo)

babirusa *Zoo* babiruso

bable la asturia (lingvo)

babor *Mar* babordo *a babor* babord(e)n *(¡tierra a babor!)* tero baborde!

babosa limako • *Amé* speco de kolubro

babosear v "*babear*"

baboso bava, bavanta *(niño, adulto, caracol)* • *Fig* lĝere kurante *(tortilla)* • *Fig Fam* stulta • tede • hipokrite servila • *Fam viejo baboso* maljuna, diruĉ oldulo *(en sentido moral)*

babucha babuŝo • *Amé a babucha* surdorse

babuino *Zoo* paviano *(simio)*

baby *Fam* bluzo • antaŭtuko • *Amé* bebo

baby boom beb-haveigo

baca imperialo *(de diligencia)* • *Aut* valizujo • gudron-tuko • tegmentuko • surtegmenta valizujo *(de auto)*

bacalada *Zoo* gado

bacaladero moruo • *barco bacaladero* moruŝipo • *industria bacaladera* moruindustrio • moru-kaptisto

bacalao *Zoo* moruo • gado *(seco)* • *Fig Fam cortar o partir el bacalao* havi la celfinan voĉon, esti la mastro, konduki la aferojn en siaj fadenoj en sia mano • *Fam te conozco bacalao aunque vengas disfrazado* mi vidas tra via fasado, vi ne povas dupigi min, mi konas vin ec maskitan

bacanal bakhanalio, orgio

bacante bakhantino

bacará bakarato *(juego de naipes)*

bache truo, kavo, kavetaĵo, tubero *(en una carretera)* • aer-truo *(en vuelo de avión)* *no puedo soportar los baches en los viajes de avión* mi ne povas elteni la aer-truojn dum flugado • *Pl Fig* malfacilaj momentoj *los baches de la vida* la malfacilaj momentoj de la vivo • *Fig* depresio

bachear kovri truojn *(en las carreteras)*



Jen la granda presmaŝino per kiu oni presas Gran Diccionario Español-Esperanto en la zaragoza presejo "Librería General", kiu lastatempe faris preskaŭ ĉiujn hispanajn E-librojn.



Jen la 1.300 kliŝoj, kiuj respondas al ĉiuj paĝoj de Gran Diccionario Español-Esperanto, sur la labortablo de la presejo, pretaj por la lasta parto de sia aventuro, post miloj da horoj de brava laboro.

## Gran Diccionario Español-Esperanto

## Publika prezento: 19an de julio

## Hispana Esperanto-kongreso en Valencio

---

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora